


N-ro 37 1977/2 Aprilo Oka jaro

## Informilo de la unuiĝinataj ELF – AREK – Kluboj

ELF: Esperanto Ligo Filatelista

AREK: Amika Rondo de Esparantaĵ – Kolektantoj

*Estimataj samideanoj,*
*karaj geamikoj,*

*la 8a de marto 1977 estis prespreta ĉi informilo kaj ĝuste en tiu tago kaj hieraŭ kaj hodiaŭ alvenis amaso da viaj poŝtaĵoj kun la konfirmo pri ricevo de 1977/1. Tial mi utiligas tiun ĉi unuan paĝon de nia informilo por esprimi al vi ĉiuj mian sinceran kaj elkoran dankon pro ĉiuj viaj karaj linioj. El la multaj skribintoj mi volus citi kaj speciale danki al W.J. Franke en Usono, de kie mi ricevis la unuan sciigon pri ricevo de la informilo!*

*Mi petas vian pardonon ke ĉinumere ankoraŭ ne mi aperigas liston de niaj membroj. Fakte nia klubo 1an de marto 1977 havis 23 membrojn. Mi esperas ke intertempe pluaj membroj kotizis al sinjoro Paulsson.*




*Sincere kaj amike*
*salutas vin ĉiujn*
*via redaktoro R B*

## Ne ĉio ronda devas esti poŝta...

Unuavice ni estas kolektantoj de poŝtaj stampoj. Ekzistas ankaŭ amaso da nepoŝtaj stampoj, kiujn oni kompreneble ankaŭ povas kolekti sed ne rajtas ekspozi en filatela ekspozicio, ĉar estas "nefilatelaĵo".

Kelkfoje eĉ estas malfacile, ekkoni tiajn "nigrajn ŝafojn". El inter ili mi nur citu Kubo 1, PO 18 kaj ekz. ĉiujn 3 aperintajn grekajn stampojn. Ankoraŭ pli komplika la situacio sur la kampo de kolorvariaĵoj. La stampojn de Pollando ni jam detale ekzamenis kaj ili havas hodiaŭ puran veston. Sed kio pri tiuj de Jugoslavio? Aŭ de Brazilio? Ankoraŭ nuntempe aperas tiuj verdaj kolorvariaĵoj, kiel tion pruvas tiu stampo de POHORJE. El vidpunkto de filatelisto, kiu devas obei al FIPCO-regularo, la verda POHORJE estas nepoŝta, ĉar ankaŭ en Jugoslavio oni uzas nur la nigran farbon.

Por defiankiĝi de la rondaĵoj: Siatempe dum UK en Zagreb aperis sur la "merkato" E-pm-folietoj, kiuj sur la marĝenoj portis esperantlingvajn surpresojn. Tiuj surpresoj estis private manipulitaj. Ankaŭ tio okazas.

Kaj kio pri la grekaĵoj? Ili aperis el la nebulo. Kiu konkrete povas pruvi poŝtecon de tiuj? Kaj kie estas notite, ke tiu balonpoŝta bordstampo estas *poŝta*? Eĉ la organizintoj nek antaŭ nek post tiu balona flugo tion diris.

Kiel katalogisto kaj nun redaktoro mi ne rajtas senkritike kaj senpruve informi pri novaj *poŝtaj* stampoj.

RB

---

### Anonco:

G. Tremon, F–87350 Panazol, 31 strato Turgot serĉas la glm:
(numeroj laŭ "Jensen Katalogo" inkl. aldonoj)
3, A5, 16, 24, 37, 44P, 49, 50, A59, 61, 72, 82, 83, 85, 87, 88, 90, B94, 106, 108, 112, 115, 116, 117, 118, 119, 124, 127, 128, 129, A131, 131, 134, 135, 136, 139, 140, 141, 145, 147, A148, 150, 155, 185, A186, 160, A162, 163, 164, 172, 173, 176, A178, 184, A186, 198, 202, A203, 204, 205, 208, 214, 215, 221, 222, 227, 236, 238, 242, 247, 248, 249, 254, 260, A264, B264, C264, 267, 271, A281, 290, 295, A297, A298, 299, 301, 302, 304, 305, A310, 313, 315, 318, 319, 322, D329, 331, 344, 345, 350, 351, 354, A356, 358, 361, 364, 365, 369, A372, A383, 384, 385, 387, 391, 397, 398.



Ni funebras

Nia karmemora amiko, sinjoro

**Jean Chapellier**

ne plu estas inter ni

26an de decembro 1976 li apud Metz en Francio forpasis.

Li restos en nia memoro

## Novaj glumarkoj

El cirkulero, dissendita de s-ro G. Tremon, mi ĉerpis la sekvantajn informojn pri novaperintaj e-glm (Bonvolu konsulti ankaŭ la numeron 1975/1–2 de "FENIKSO"):

**1974**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Latvio | Neĝfloketo 74 (junulara e-tendaro) | Budapest | 4a V E F |
| Miedzygorze | 10a jubilea E-feriado | Wanganui | 39a kongreso |
| Budapest | 4a V E F | Saint-Junien | 30a kgr de SAT-Amikaro |

**1975**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Hungario | Internacia Jaro de la Virino | Den Haag | 48a SAT-kgr |
| Szeged | E-muzeo 1960–1975 | Kopenhago | 60a U K |
| Budapest | 5a V E F | Oberkirch | 53a germana E-kgr |
| Christchurch | 40a kongreso | Villach | 27a IFEF-kgr |
| Saint-Junien | 1a fervojista festivalo | Lerida | 35a hispana E-kgr |
| Tromsø | 44a norvega E-kgr | Sabadell | 25a datreveno (?) |
| Girona | 17a kataluna E-kgr | | |

**1976**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Goteborgo | 49a SAT-kgr | Gyula | 14a S E U |
| Skelleftea | 28a IFEF-kgr | Praha | 2 Sjezd E svazu |
| Ateno | 61a U K | Komlo | 26a hungara E-kgr |
| Bauge | 6a amikar-kgr | Valls | 18a kataluna E-kgr |
| Szeged | 30 jaroj de E ĉe hungaraj fervojoj | Prilep | 20a jugoslavia E-kgr |
| | | Ferrol d C. | 36a hispana E-kgr |
| Mako | 8a pacrenkonto | Massa | 47a itala E-kgr |
| Bordeaux | 31a kgr de SAT-Amikaro | Tiñvin | Konferenco de S E M |
| Latvio | Kongreso de S.E.J. | Ruse | 39a bulgara E-kgr |

**1977**

50a SAT-kongreso en Augsburg, 30.7. – 5.8.
62a UK en Rejkjavik, 30.7. – 5.8.
Eŭropa Esperanto Kongreso Paderborn 1977
90 jaroj de Esperanto 1887–1977 (GDR-eldono)*
60 jaroj de Ruĝa Oktobro 1917–1977 (GDR-eldono)*

* = haveblaj ĉe Burmeister kun sama desegnaĵo ankaŭ okazaj kov. kaj pk

## Nova aldono por Jensen-katalogo

Sinjoro Tremon en sia cirkulero sciigis, ke li pretigis aldonon 1972/1973 por la glumarka katalogo de Jensen. Tiu katalogo aperis en la jaro 1968 kun postaj aldonoj kompletigaj. La katalogo estas ne plu havebla. Se estas sufiĉe da interesuloj por nova, eble iu ĝin povus reeldoni? Antaŭe necesas, ekzakte konstati eventualan kvanton de la noveldono. Interesuloj sin turnu al la redaktoro.

### Grandega glumarka raraĵo vendebla:

La vidvino de Edmund Zscheile ofertas la kompletan folion (4x6 glm en po 4 div. koloroj) de glumarko "Zscheile Mondvojaĝo" kontraŭ 25 svedaj kronoj. Interesuloj kontaktu sinjoron Paulsson, S-171 33 Solna, Algatan 3.

## Unu greka mistero forigita!

La greka poŝto uzis esperantlingvan poŝtan stampilon! Tion mi nun definitive povas deklari post interparolo kun sinjoro Lech Koseniak, kiu kun nia membro profesoro doktoro A. Wenclewski vizitis la pasintjaran Universalan Kongreson de Esperanto en Ateno. Ili konstatis, ke en la kongresejo funkciis poŝta giĉeto. Tiu ne uzis esperantan stampilon. Post pluraj esploroj ili trovis, ke memorigan E-stampilon poŝtan la greka poŝto havis en la ĉefpoŝtejo de Ateno. Sed eĉ tie ne tiu stampilo ne estis trovebla ĉe iu el la multaj poŝtaj giĉetoj kaj post longa serĉado kaj demandado ili finfine malkovris, ke la stampilo lokis en iu el la multaj poŝtejaj ĉambroj. Kaj tie oficisto stampis poŝtaĵojn per ĝi. Sed la kongresanoj propramane devis alporti la leterojn k poŝtkartojn al tiu apenau trovebla ĉambro en la ĉefpoŝtejo. La stampilon oni uzis dum tuta la kongresa semajno, sed ĉiutage kun la sama dato.La fakto pri uzo de tiu stampilo preskaŭ ne estis konata inter la kongresanoj, kaj verŝajne nur tre malmultaj sciis pri ĝi. Komentarion mi ne volas doni ĉiloke.

En iu giĉeto de la kongresejo oni ankaŭ vendis dum kelkaj horoj kovertojn kun la stampo pri la postkongreso de Ateno 1973. Sed pro nekonataj kaŭzoj post kelkaj horoj oni ne plu vendis tiujn filatelaĵojn.

Nia amiko Biesiada cetere prunte sendis al mi la lastan atenan stampon, kiu estis sendita de kongresano al li pere de regula poŝta vojo.

Do, karaj geamikoj, tiuj, kiuj havas tiun stampon nun povas trankvile dormi kaj jam ne bezonas pridubi ĝin.

*LR*



## Nia membro s-ro Wluka skribas:

En nia amika rondo estas kelkaj, kiuj nur speicalajn partojn de Esperantaĵoj kolektas. Estas kolektantoj de:

a) filatelaĵoj pri Esperanto
b) glumarkoj
c) insignoj
d) aliaj Esperantaĵoj, kiel libroj, vortaroj, terminaretoj, kongreslibroj, diskoj, sonbendoj, kpt.

Estas rekomendinde, ke ĉiu fako havas afergvidanton kaj bankon. Por la fakoj filatelio kaj glumarkoj ni jam havas afergvidantojn k bankojn.

Se estas dezirata kaj necesa, mi pretas funkcii kiel afergvidanto por "d". Serioze mi kolektas ĉiujn Esperantaĵojn.

### Rimarko de redaktoro:

Mi estas kontenta kaj ĝojas, ke s-ro Wluka estas preta funkcii por la "fako d", ĉar tio grave plibonigus la laboron de nia ELF–AREK. Fakte ja ni ĉiuj pli au malpli kolektas ne nur filatelaĵojn kaj/au glumarkojn sed ankau la aliajn supre nomitajn aĵojn. Mi tial rekomendas al tiuj, kiuj serioze kolektas "fakon d", kontakti kun nia membro sinjoro

*Richard Wluka*
*D-3000 Hannover 21*
*Bremer Str. 8*

## PRAGA 78

Nia membro kaj amiko Vladimir Vana proponis al la estraro de ELF/AREK renkontiĝon en la kadro de PRAGA 78. Sinjoroj Paulsson kaj Heimlich k ankaŭ mi plene aprobas tiun ideon. Necesas nun prepari ian programon kaj ĉefe jam nun fari decidon. Tio estas tasko de nia estraro kaj mi rekomendas al ĝi kontakti kun niaj membroj Vaňa kaj Bartoŝik, kiuj ja devus solvi ĉiujn teknikajn problemojn de tia renkontiĝo.

NEPRE NECESA estas, NUN TUJ anonci la intencon partopreni, ĉar oni devas ĝustatempe mendi tranoktadon en Praha. Por ne perdi tempon mi proponas al niaj membroj, aliĝi al tiu renkontiĝo pere de nia amiko Vladimir Vana.

Mi estas certa, ke la ekspozicia estraro de tiu Tutmonda PM-Ekspo sub la patronado de FIB bonvenigus nin.

Bedaŭrinda afero estas, ke la datoj de tiu ekspo ne estas konataj al mi, sed mi supozas, ke ĝi okazos en junio au julio 1978. Pere de sekvonta informilo vi ricevos pluajn informojn.

*LRed.*



## Josef Hybeŝ – Apoginto de Esperanto

La organizaĵo de Esperantistoj en Brno en la jaro 1901 estis la unua ne sole en ĉeĥaj landoj, sed en la tuta tiama ŝtatunio. La aŭstria ministerio de interno prokrastis la permeson de la societo, kvankam la statutoj jam estis antaŭmetitaj al aprobo 19. 4. 1900.

La aferon protektis sinjoro Josef Hybeŝ, iama ĉeĥa deputito de socialdemokratia partio, kiu intervenis la 22an de majo 1901 ĉe la austra regna konsilantaro. Poste la organizaĵo de la esperantistoj estis aprobata.

La ĉeĥoslovaka poŝto en la jaro 1951 eldonis memore al la 30a darreveno de la morto de s-ro Hybeŝ pm-serion kaj UTK. (Zumstein 606/607 – Yvert 591/592)

*El kontribuaĵo sendita de nia membro*
*Odon Horak, CS 63900 Brno, Pŝenik 7/1*

## Kiu el ni partoprenos UK en Rejkjavik?

Por garantii kunvenejon por nia membraro en kadro de Rejkjavik-a UK, nia estraro devis antaumendi kaj pagi ĉe UEA. (por ĉiu sidloko 1 guldenon – mendita estas ejo por 50)

Laŭ la ankorau valida statuto niaj kunvenoj okazas en kadro de la UK. Per la pago do estas garantiata kunvenejo. Sed kiu ĉeestos en Rejkjavik, tion ni ne scias. Sinjoro Ivar Paulsson tiutempe estos en Augsburg. Eble niaj vicprezidantoj Heimlich k Rosseau estos tie? La afero ĉi-momente ne estas klara kaj ne eblas, doni konkretan informon.

## Informo por kolektantoj de libroj

En scienca eldonejo de GDR aperis speciala libro por kuracistoj kaj turistoj en 14 lingvoj. Nome: Ärztlicher Dolmetscher (kuracista interpretisto). Tiu ĉi altnivela kaj lukse bindita medicina faklibro enhavas ĉiujn necesajn demandojn por kuracisto en kazo de malsaniĝo au akcidento en kesterlando por povi fari diagnozon kaj preskribi medicinan helpon.

La numerigitaj demandoj estas notitaj en la araba, bulgara, germana, angla, esperanta, franca, itala, pola, rumana, rusa, sveda, hispana, ĉeha kaj hungara lingvoj.

La libor kostas 25.– gmk.

1977 aperos ankaŭ E-eldono de "Trigroŝa romano" de Bertolt Brecht en GDR.

Interesuloj sin turnu al Burmeister.

## Ĉu 1976 en Italio aperis nova E-stampo?

En "Budapeŝta Informilo" Januaro 1977 mi legis: "La itala E-kongreso okazis de 18–25.9.1976 en la urbo MASSA kun ĉirkaŭ 700 kongresanoj. La kongresejo kun poŝtoficejoj/speciala filatela stampo/funkciis en la domego de la Arta Instituto. . . Menciinda estas inauguro de marmora Zamenhof-busto en la Nacia E-Biblioteko en la kastelo Malaspina.

*E. Vali*

* * * * * * * *




Jen tiu unika filatela raraĵo, kiun akiris nia membro sinjoro Amouroux antaŭ kelkaj jaroj. Ankoraŭ nur sinjoro Simon posedas la stampon de tiu tragedie kolapsinta 10a U K de Esperanto.

## Henri Farman – aktiva esperantisto

La franca konstruisto de la unuaj flugmaŝinoj kaj pioniro de aerflugado Henri Farman asperis 1971 sur franca pm kun nominalo de 0.50 + 0,10 frf. (Zumstein 1732) kaj 1974 sur monaka pm kun nominalo de 0.30 frf. (Zumstein 1106)

Farman lernis Esperanton kaj efike kaj larĝskale progagandis ĝin pere siaj propagandaj flugoj en Francio kaj aliaj landoj eruopaj. Kelkaj liaj kolegoj-aviadistoj estis ankaŭ esperantistoj.

Li verkis i.a. libron kun la titolo "Pourquoi je suis devenu Esperantiste" (Kial mi fariĝis esperantisto), eld. 1911 en Paris, en kiu li kaj liaj amikoj en 14 ĉapitroj pledas por la scipovo de Esperanto.

*FABA*

*(El "Zpravodaj" n-ro 29/76)*

## Werner Simon – pioniro de e-stampkatalogo

8an de marto 1936 Heroldo de Esperanto sur la unua paĝo asperigis el la plumo de sinjoro W. Simon liston pri entute 26 E-poŝtstampoj, ĝisdate konataj.

Pro la pasintjare okazinta 40-jara "jubileo" de tiu "unua stampkatalogo" ni peras al nia amiko kaj veterano de E-filatelio W. Simon elkorajn gratulojn kaj sincere dankas al li pro lia nelacigebla agado, kiu ebligis al ni solidan bazon por nia hodiaŭa filatela laboro.

Ni deziras al li multajn pluajn fruktedonajn jarojn sur la kampo de la filatelio.

*RB*

* * * * * * * *

## Pri aktualeco de la stampkatalogo

Multaj miris, ke kun nia informilo 1977/1 ili ricevis "2-an aldonon por sta-katalogo" anstatau 1-an. Kaj mi nun miras, ke vi ne ricevis jam komence de jaro 1975 la de mi dissenditan "1-an aldonon". Tial mi ĝin reskribas kaj kun tiu ĉi informilo 1977/2 sendos ĝin al ĉiuj niaj membroj.

Kompreneble ni ankau devas aperigi tute novan eldonon de nia stampkatalogo. Tio okazos eble sekvontjare. Kaj nur tiam, se ekzistas sufiĉe da interesuloj.

Pola membro sciigis, ke polaj sta nur en nigra en oficialaj, tion ja ankau diras nia katalogo.

## Esperanto – tutaĵoj

Al notoj en lasta nro de nia informilo permesu al mi rimarki, ke mi sukcesis forigi kelakjn dubojn k nebulozajn informojn pri E-tutaĵoj kaj tial la nombro da ili iom ŝanĝiĝis.

Kio koncernas la katalogon de tut, ŝajne ĝis duono de tiu ĉi jaro mi sukcesos solvi eĉ plurajn malklaraĵojn ĉe tut. de Sovetunio. E-sekcio de Asocio de ĉeĥoslovakaj filatelistoj planas eldoni la katalogon ankoraŭ ĉi-jare en ĉeĥa lingvo. Ni pretas trakti pri tio, ke esperantan version eldonu ELF/AREK, precipe se nia estimata redaktoro sukcesus ĝin presigi kiel nian informilon (ĉeĥa versio ŝajne aperos nur multobligite).

Por ke la katalogo estu vera helpilo, ni planas eldoni ĝin ilustrite: sed ni ne havas ĉion kaj tial turnas min al ĉiuj niaj membroj kun peto pri helpo. Ni bezonus de ĉiu el vi scii, kiujn tut. vi posedas kaj en kiu stato (uzitaj, ne – uzitaj): poste ni sciigus al ĉiu helpanto, ĉu ni bezonos lian helpon aŭ ne. Priskribo de tutaĵoj devas enhavi ĉefe poŝtmarkon, ĝian valoron kaj koloron, tekston sur karto (ĉe sovetaj uzitajn lingvojn, ĉu la karto aŭ koverto havas reklam – bildojn au – tekstojn kaj kiujn, ktp.: plej bone estus sendi reproduktaĵon. Kiu posedas katalogon de Saget, povas unue priskribi nrojn de tutaĵoj laŭ ĝi. La posta helpo kuŝus en prunto de bezonataj tutaĵoj aŭ almenaŭ sendo de perfektaj fotoj, laŭ kiuj oni poste povus fari kopiojn. Ni sciigus al ĉiu, kiam kaj al kiu adreso ĉion sendi. Serioza redono en registrita letero kaj nedifektiĝo de materialo estas garantiita.

Kvalito de la katalogo dependas de helpo de ni ĉiuj.

*Vladimír Váňa*
*Revoluční 54, CS 312 02 Plzeň*

* * * * * * * *

## Poŝtaj Esperanto-stampoj 1977

Nia membro sinjoro Wluka sciigis, ke okaze de la EUROPA ESPERANTO KONGRESO 1977 en Paderborn (FR Germanio) kongreseja poŝtoficejo intencas uzi esperantlingvan poŝtan stampilon.

Sinjoro d-ro Gadoros sciigis, ke okaze de la jubilea 10a IREN 1977 en Abaliget (Hungario) la organizantoj klopodas disponigi por la renkontiĝo nove aranĝitan poŝtan esperantlingvan stampilon.

L K K de la jubilea 50a SAT-kongreso en Augsburg (FR Germanio) intencas, mendi ĉe la poŝto E-stampilon. (30.7 – 5.8.1977)

Organiza Komitato de la 7a V E F, okazonta de 28.12.77 – 2.1.78, denove planas uzadon de la jam konata poŝta VEF-stampilo.

VEF = Vintra Esperanto Ferio (Budapest-Hungario).

## Kelkaj vortoj de nia prezidanto

*Karaj kaj estimataj,*

*nun vi tenas la duan numron de nia informilo en viaj manoj. Kaj la redaktoro kaj mi "pintigas niajn orelojn" por aûdi vian opinion. Ni kore dankas pro la grandega eño, kiu atingis nin post la ekspedo de nia informilo 1977/1.*

*Ni esperas, ke tiu ĉi nova numero estis ankaû plaĉis al vi kaj volonte akceptas viajn amikajn kritikojn aû sugestojn por povi ĝin ankoraû pli bone aranĝi laû enhavo.*

*Modesta ĝi devas resti ĉar nia ekonomia stato ja ne permesas, priskribi ĉion tiel detale, kiel ni dezirus.*

*Memoru, ke ankaû vi estas kunlaboranto.*

*Longe ni devis atendi ĝis kiam ni solvis la aperon de nia informilo, nun temas pri la ekonomio. Per pago de la kotizoj kaj donacoj ni esperas povi kontinue daûrigi.*

*Amike salutas vin ĉiujn via*
*Ivar Paulsson*

---

**Lastminuta informo: Stampo en Massa!**

IT 26 Massa 1976 19–20.9 47a itala E-kgr

---

**Anonco:**

S-ro V. Vana, Revolučni 54, CS-31202 Plzen
serĉas ĉiuspecajn filatelaĵojn por sia kolekto je la temo Esperanto, precipe malnovajn korespondaĵojn adresitajn al konataj personoj de la E-movado, aû korespondaĵojn, kiujn ili skribis, plie iujn malnovajn E-stampojn kaj E-tutaĵojn. Plue li kolektas uzitajn kaj neuzitajn tutaĵojn de ĉiuj specoj (pk, kov, aliaj div. formularoj kun presitaj pm) el multaj eûropaj landoj. Antaûa interkonsento pri rekompenco estas necesa.



Ivan Peev, Ĉirpan, Bulgario serĉas e-pm nestampitaj: Popov kpl kun surpreso, Centra Telegrafo austra 1-ŝinlinga, brazila de 1936, jugoslaviajn kaj triestajn k.a. Rekompenco per bulgaraj sovetaj k albanaj art-pm-serioj.



Ivar Paulsson, S-171 33 Solna, Algatan 3, povas sendi kontrau 15 + 4 irk (sume 19) la 1an kaj duan eldonojn de faksimiloj de la E-markoj de FUJEIRA, sed atentigas, ke ne estas poŝtmarkoj.



St. Biesiada, POB 599-PL 42217 Czestochowa 17 urĝe bezonas nestampitan aerogramon de Aûstrio kaj donas rekompence uzitan. Plue serĉas bultenon jugoslavian "La Kolektanto Internacia".

**Adresŝanĝo:** St. Biesiada, POB 599, PL 42 217, Czestochowa 17
Zsolt Gyarmathy, H-5701 Gyula, pk 73

## Varmaera balono "ESPERANTO" baptita

Dank'al la afableco de sinjoro Wluka eblas, povi pli detale informi vin pri tiu flugo. La E-societo de Zürich en decembro 1976 sendis al la mendintoj la tre plaĉe kaj efike aranĝitan koverton pri la "balonpoŝtflugo okaze de la bapto de la unua varmaera balono "ESPERANTO".

Tiu koverto surhavas memorigan pm'n kun nominalo de 90 centimoj pri cepelino. La pm estas nuligita per neesperanta poŝta varba stampo en la urbo GRÜNINGEN, kie la balono laŭ ampleksa artikolo aperinta en Svisa E-Revuo, kajero januaro 1977, post la flugo surteriĝis. La startloko ne estas menciita.

La germanlingva teksto en la stampo eldiras: "Zürcher Oberland – Historisches Städtchen" (Supra lando Zurich-a/Historia urbeto). La stampo estas datita 14.12.76.

Esperantlingva "bordstampo" tekstas:

AERPOŜTO
varmaera balono
HB – BEO
– ESPERANTO –

La "bordstampilo verŝajne estas posedaĵo de la balonposedantoj. Tio signifus nepoŝta. Eldonkvanto de tiu koverto laŭ la sciigo de la balonposedantoj: 2.500. (Kiu povas klarigi ciferon "C" antaŭ la numero?)

Unu koverto kostis ĉ. 6 svisaj frankoj. El la enspezoj oni financis aĉeton de la balono, kiu estonte estu uzata propagandcele.

*RB*

S-ro Vana skribis pri:

## "Poŝtmarkoj" de FUJEIRA

Laŭ informoj, kiujn mi transprenis el malnovaj numeroj de ĉeĥoslovaka filaelia revuo "Filatelie", jam 2.11.1971 kreiĝis nova ŝtato sub nomo "Unuiĝintaj arabaj emiratoj" (United ARAB Emirates), kiu formiĝis kiel ligo de konataj arabaj emiratoj FUJEIRA, AJMAN, UMM AL QUIWAIN DUBAI ktp. Malgraŭ tio unuopaj emiratoj rajtis daŭrigi eldonadon de siaj "poŝtmarkoj" (kiujn oni presis en eksterlando, plejparte en Britujo, en grandaj kvantoj tute senbezonaj por poŝta uzo en propra emirato: kaj ne estis esceptoj eĉ tiuj kazoj, ke "poŝtmarkoj" neniam vidis sian patrolando). Tiu stato daŭris nur ĝis 1.8.72 kiam *ĉiujn* poŝtajn servojn transprenis Unuiĝintaj arabaj emiratoj (UAE): ministerio de UAE-poŝto proklamis, ke ĝi faros "filatele akcepteblan eldon-politikon" kaj ke "specialaj kaj porokazaj eldonoj estos severe kontrolataj". Malgraŭ ĉio la kaosa pm-eldonado daŭris. Finan punkton al tiu ĉi stato metis definitiva serio de 12 pm, eldonita 1.1.73, kiu havas la surskribon U.A.E. Samtempe la poŝtagentejo de UAE dissendis al unuopaj poŝtagentejoj leteron kun at atentigo, ke emirataj pm-eldonoj post 1.8.72 estas kontraŭleĝaj kaj *poŝte senvaloraj*.

Evidentiĝas do, ke "poŝtmarkoj" de FUJEIRA priskribitaj sur paĝo 4 de ĉi-jara unua numero de nia informilo, estas el poŝta kaj kompreneble ankau el filatela vidpunkto tute senvaloraj. Estas nia devo averti ĉiujn kolektantojn de pm antaŭ aĉeto de tiuj surpresitaj paperetoj, kiuj celas nur unu aferon: eltiri monon el poŝo de filatelistoj. Neniu serioza poŝtagentejo disvendas makulaturon au "provpresojn".

(Eĉ temas pri faksimiloj de "provpreso" de neaperintaj pm, presitaj en Danlando-LRed.)

## La filatelejo Carl Ziesing en GDR

Tiu filatelejo de 1967 ĉiujare dum jarfino distribuas al la klientaro poŝkalendaretojn, kiuj propagandas Esperanton. Krome tiu firmao pretigis aerpoŝtajn glumarkojn kun E-teksto, tiujn eĉ mencias germanlingva filatela special-katalogo, alumetleteretojn okaze de la 80-jara jubileo de Esperanto kaj finance subtenas de tempo al tempo la lokan E-klubon. La estro de la filatelejo estas simpatianto de Esperanto sed mem ne scipovas la lingvon. Mi atentigas, ke tiu filatelejo ne ekspedas eksterlanden.

## "Aldonaĵoj"

Kun la numero 1977/1 mi ankaŭ sendis al ĉiuj okazan koverton de junulara E-tendaro 1972, poŝkalendareton, propagandan e-glm kaj aeropoŝtajn glumarkojn. Ankaŭ estonte mi intencas sendi e-aĵojn el GDR al ĉiuj membroj. Pli grandajn kvantojn mi sendos aparte post via mendo.



## Pri la plej freŝdataj jugoslaviaj stampoj

### Pohorje

estas la nomo de montaro ĉe la slovena urbo Maribor en Jugoslavio. Tie okazis solenaĵo pro la jubileo "50 jaroj de Esperanto ĉe jugoslaviaj fervojoj". Okazigis ĝin la Fervojista Esp-Societo de Maribor kaj la Jugoslavia Asocio de Fervojistoj-Esperantistoj (JAFE). Poŝtan e-sta oni uzis 19.4.1975. La stampilo estis en niaj manoj kaj aperas en verda kaj nigra koloroj.

Ekzistas okazaj kovertoj kaj poŝtkartoj kaj de tiu stampo mi havas ankoraŭ duoblaĵojn.

### "Treh Dežel"

Tiu e-stampo aperis en la slovena urbo nome Koper (itale: Capodistria). La slovenlingva teksto en la stampo signifas: "7a trilanda konferenco de Esperantistoj". Kunvenis samideanoj el Aŭstrio, Italio kaj Jugoslavio de 19–21.9.1975. Organizinto estis la Slovenia E – Ligo.

Ekzistas okaza koverto. La tuta stoko estas elĉerpita.

### Prilep

Pri ĝi s-ro Gjivoje ne skribis. El kunsendita doublaĵa sta-listo mi prenis la informon pri tiu plej lasta jugoslavia e-stampo. En la urbo Prilep okazis la "2oa kongreso de jugoslaviaj Esperantistoj". (29.7.76)

Ekzistas okazaj kovertoj. La stampoj estas ĉiuj en malbona kvalito. Tion eldiras noto en tiu oferta listo.

*Laŭ informoj en letero de Gjivoje al la redaktoro*

**Prezidanto de la ELF/AREK-Klubo:**

Ivar Paulsson, S-171 33 Solna, Algatan 3
Poŝtkonto: 51 57 85-4/I. Paulsson-Solna
Jarkotizo: 10 IRK au egalvaloro
(Sendu ĝin bv. al s-ro Paulsson)

**Redaktoro de la kluba informilo:**

Rudolf Burmeister, DDR-90 Karl-Marx-Stadt p.k. 30-95-39
(Al li sendu ĉion por la informilo)

Redakta fino de 1977/2: 8.3.1977

---

*Karaj geamikoj,*

*la feria sezono alproksimiĝas kaj niaj feriaj planoj jam estas pretaj. Al la kongresontoj mi rekomendas enpaki siajn duoblaĵojn, certe vi renkontos kolektantojn, kiuj ankaû* en la kongresa valizo havas keston kun duoblaĵoj. *Dum la kongresoj nepre detale "priflaru" la poŝtajn giĉetojn, eble eĉ poŝtajn reko-glm vi trovos, au iujn diferencajn stampojn. Al ĉiuj mi deziras riĉan rikolton!*

*En julio mi persone troviĝos ie en ĝangala apudriveretaro de Danubo kun mini-tendo kaj fiŝhokistaj bastonoj kaj kun la espero, ke iu dika karpo, ezoko au siluro prenas la hokon. Niksonon mi ankaû ne rifuzus. (Germane: "bakfiŝo") En julio do mi ne povos tuj respondi viajn leterojn. (Kiujn mi esperas ricevi). Al ĉiuj niaj membroj mi deziras agrablan someron.*

*Nia sekvonta informilo 1977/3 aperos en septembro.*

*– Burmeister –*